# *Prezentado*

Tiu ĉi reeldono de la unuaj dek numeroj de ***Etnismo*** aperas preskaŭ tridek-ses jarojn post la origina numero 1. Kiun sencon havas tiaĵo?

Pluroblan: Unue, pro la peralkohola hektografado, la originaloj de la numeroj 1 ĝis 8 estas grandparte apenaŭ plu legeblaj. Due, de tiuj kaj aro da postaj numeroj jam delonge ne plu disponeblas ekzempleroj. Trie, ĉar tiu "informilo pri etnaj problemoj" ja evoluis, tra la jardekoj, de simplega bulteneto ĝis vera revuo, iuj homoj probable ŝatus iel "flari" la historion de tiu ĉi publicaĵo iom eksterkutima en la sfero de la Internacia Lingvo kaj tiel memori diversajn eventojn el tiu vasta kampo de interetnaj rilatoj.

Jen la "etapoj" de laevoluo de tiu ĉi komunikilo:

ASPEKTO

* La amplekso kreskis de la kvarpaĝeco de numero 1 ĝis 14 paĝoj en numeroj 3, 5, 6 kaj 9.
* La paper-speco de la numeroj 1 ĝis 8 ebligis hektografadon, kiu permesis - krom la blua skribkoloro - ankaŭ verdan kaj ruĝan.
* En numero 6 estis videblaj la unuaj nigra-blankaj fotoj.
* En numero 7 videblis unuan fojon - almenaŭ du - presitaj paĝoj, kies originalojn enhavas tiu ĉi reeldono.
* De numero 1 ĝis 13, ***Etnismo*** aperis sur unuopaj duflanke skribitaj A-4-folioj, poste sur A-3-formataj folioj falditaj al A-4-formato.
* La grafika nomformo de la revutitolo restis esence sama de numero 1 ĝis numero 73, sed post numero 4 ĝi aperis pli profesiece rekreita far Hermann Behrmann.

LINGVAĴO

Rilate al la lingvaĵo kaj pli konkrete rilate al la etno-terminologio, mi ne pretendas prezenti kompletan korektoliston, sed almenaŭ aro da modifoj - jes ja: plibonigoj - okazintaj dum la pasintaj jardekoj estu menciataj ĉi tie:

* VASKOJ, EŬSKEROJ, EŬZKADI: Tiuj kaj similaj formoj estas anstataŭigitaj per formoj surbaze de la radiko EŬSK-, do EŬSKA lingvo, EŬSKOJ, EŬSKIO.
* CIGANO estas eliminita favore al ROMAO, kaj analoge al EŬSK- kaj ROMA- pli proksimaj de la tiulingvaj terminoj mi ne plu diras KORNVAL- kaj HUNGAR-, sed KERNŬEK- kaj MADJAR-, kiam temas pri la etnoj; same mi adiaŭis la nomon LAPONO kaj ekuzis SAMEO.
* La formo UKRAJNO, por nomi la landon, eksmodiĝis kaj lasis sian lokon al

UKRAINIO, kies enloĝantoj konsekvence estas UKRAINOJ. Simile ni modifis la internacilingvan formon GAGAŬZO forstrekante la hokon super U kaj tiel proksimigante la prononcon al la etnalingva.

* GAELO estas malpreciza, tial utilas diferencigi inter la du branĉoj dirante SKOT-GAELO kaj IRLAND-GAELO.

* LUKSEMBURG(I)O: Kiam temas pri la propra lingvo de tiu ĉi ŝtato, oni nun preferas nomi ĝin LECEBURGA lingvo.

* Cetere, numero 4 de **Etnismo** estas la "naskiĝ-dokumento" de la termino PLATDIĈA.

* Kelkaj internacilingvaj formoj de geografiaj nomoj estas precizigitaj, ekzemple, ŜLESVIGIO-HOLSTINIO anstataŭ ŜLESVIGO-HOLSTINIO, por diferencigi la nomon de la regiono disde tiu de ĝia ĉefa urbo.

* Anstataŭ "KOMUNUMO" en la senco de plej malsupra organiza kaj sin administranta unuo de la socio mi uzas jam delonge "MUNICIPO".

* Miaj skribmaŝinoj ne disponis pri la supersignoj ĉefe uzataj en slavaj lingvoj, ekzemple č - š -ś - ž - ktp., kiuj nuntempe ja kutimas en komputoroj.

E N H A V O

Evidente, tia informilo aŭ bulteno aŭ revuo estas ege limigita el pluraj vidpunktoj, interalie el tiu de diverseco de temoj kaj el tiu de enhava originaleco. Mi klopodis kompensi, ĝis certa grado, tiurilatajn mankojn per rektaj informoj.

* Tre utila kaj internacilingve relative facile uzebla rimedo estas la rekta informado far surlokuloj aŭ specialistoj. Tiumanieraj kontribuintoj aŭ tradukintoj estas Pavel Apovnik (aŭstriaj slovenoj), Hilary Chapman (kimroj, kornŭekoj), Renato Corsetti (kurdoj), Rudolf Grulich (rutenoj, gagauzoj), Erik v. Hertzen (sameoj, svedoj en Suomio), Wim Jansen (piemontanoj, frisoj), William McCallum (skotgaeloj), Louis Pelletier (okcitanoj), Adrian Pilgrim (manksoj), Carl Støp-Bowitz (norvegaj lingvoj), Renée Triolle (alzacanoj), Dirk Willkommen (feroanoj).

* Plurfoje, en diversaj numeroj, estas retroveblaj dokumentoj kiel, ekzemple, tiu rezolucio, pri la situacio de etnoj, kies lingvoj kaj kulturoj estas minacataj, de la Internacia Esperanto-Kongreso en Antverpeno de la 1-a de majo 1972 (n-ro 1, paĝo 4) aŭ tiuj du pri "La kataluna en la lernejoj" kaj "Kontraŭ la subpremado de Katalunio" (n-ro 2, paĝoj 4 kaj 5) aŭ la statuto de la Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (n-ro 2, paĝoj 11 kaj 12) aŭ la prediko de la episkopo Añoveros, de Bilbo pri "La kristanismo - savomesaĝo por la popoloj" (n-ro 6, paĝoj 10 - 12) ktp.

* Alia rekta informado okazis en aro da **Etnismo**-numeroj: intervjuado de iel koncernataj personoj kiel, ekzemple, Ramon Aramon i Serra de "Institut d' Estudis Catalans" (n-ro 2, paĝoj 8 kaj 10) aŭ Heng Rinnen de "Institut Grand-Ducal" de Luksemburgio aŭ s-ro Sikkema de la Frisa Akademio (n-ro 4, paĝoj 3 kaj 4) aŭ Luis Villasante, la tiutempa prezidanto de la Akademio por la

Eŭska Lingvo (n-ro 5, paĝoj 1 - 3), aŭ Sergio Pérez-Espejo, de la hispania ministerio pri eksterlandaj aferoj en Madrido (n-ro 5, paĝoj 4 kaj 5) aŭ Hans Dirks pri la situacio de la platdiĉa lingvo (n-ro 5, paĝo 12) aŭ la german-naciisto Franz Stourac de la Karintia Hejmlanda Servo (n-ro 9, paĝoj 2 kaj 3).

* La relativa ofteco de kontribuaĵoj pri Katalunio kaj Eŭskio en tiuj ĉi numeroj klarigeblas per la fakto ke mi proksimiĝis al la temo de etnaj minoritatoj per rekta, surloka spertado de tiukampaj problemoj de katalunoj kaj eŭskoj dum la diktatura reĝimo de *Francisco Franco y Bahamonde*, pri kio iom legeblas en diversaj numeroj.

Pro la komence menciita kaŭzo, ne eblis fotokopii aŭ skani ĉiujn numerojn kaj tial, bedaŭrinde por mi, necesis retajpi numerojn 1 ĝis 8, kio rezultigis, feliĉe por la legantoj, pli bonan legeblecon de tiuj numeroj kompare kun la skanitaj 9 kaj 10. En la retajpitaj numeroj mi klopodis iel kaj iom imiti la originalon plejeble respektante la enhavon kaj strukturon de ĉiu paĝo.

Kelkajn tajperarojn de la originalo mi sukcesis elimini, dum probable - bonvole indulgu tion ĉi - novaj misaĵoj entekstiĝis.

En la "junaĝo" de ***Etnismo***, dokumentita per tiu ĉi reeldono, mi tute ne kuraĝis profeti ĝian estonton kaj ne imagis ke ĝi ankoraŭ ekzistos en la jaro 2008. Plej sincere mi dankas la (longtempajn) gelegantojn pro la daŭra fideleco. Post mia retiriĝo el la redaktado kaj eldonado en la jaro 2003, la revuo ricevis novan, nediskuteble pli belan aspekton, kaj la enhavo restas principe samnivela aŭ eĉ atingis pli altan gradon.

Se vi deziras akiri iun el la numeroj 11 - 73, parte ankoraŭ disponeblaj originale kaj ĉiukaze reprodukteblaj fotokopie aŭ skane, turnu vin al mi. Se vi interesiĝas pri la postaj numeroj, bonvolu turni vin rekte al la nuna redaktorino de la revuo:

s-ino Nicole Margot, chemin des Lys 4, CH - 1010 Lausanne.

*Uwe Joachim Moritz*